# VERDA STELO

GAZETO ESPERANTISTA

LA MALKARA MONATA ORGANO INTERNACIA DE ĈIU ESPERANTISTO

**Abono.**

Simpla jarabono 2.— sv. fk.
Kolektivaj abonoj al unu adreso: minimume 5 abonoj po 1.50 sv. fk.; minimume 10 abonoj po 1.20 sv. fk.; minimume 25 abonoj po 1.10 sv. fk.
La prezoj validas nur ĉe antaŭa pago por tuta jaro. Ĉe alimaniera pago (monata, kvaronjara k. a.) unu numero kostas 0,20 sv. fk., 5 ekz de unu numero po 0.15 sv. fk., 10 ekz. po 0.12 sv. fk., 25 ekz. po 0.11 sv. fk.
Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Reklamo.**

Anoncoj: po unucentimetra kolonero (8,5 cm larĝa) egalvaloro de 5.— sv. fk.
Anoncetoj (nur kontraŭ antaŭa pago): po enpreso kaj vorto (aŭ mallongigo) egalvaloro de 0.10 sv. fk., minimume 1.— sv. fk.
Rabato: 5 foje 10%, 6 foje 15%, 12 foje 20%.
Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Adresoj**

**Heroldo de Esperanto**
**Horrem bei Köln (Germanujo)**
Fako: **Verda Stelo.**

**Redaktoro:** Teo Jung.

**Poŝtĉekaj kontoj:**
Germanujo: Köln 75102 Heroldo de Esperanto, Horrem.
Danujo: 4962, Heroldo de Esperanto, Horrem (Germanujo).

**Diverslandajn valutojn ni akceptas je sekvanta kurzo:**

0.10 svisa franko = 0.05 arg. peso, 1 angla penco, 0.14 aŭstra ŝilingo, 0.14 belgo, 0.16 braz. milr., 5 bulg levoj, 0.65 ĉsl. krono, 0.07½ dana krono, 8 est. markoj, 0.80 finna marko, 0.50 fr. franko, 0.08 germ. marko, 1.50 gr. drakmoj, 0.12½ hisp. peseto, 0.12 pengo, 0.35 itala liro, 0.04 jap. jeno, 1.10 jsl. dinaroj, 0.10 latva lato, 0.20 litova lido, 0.05 nederl. guld., 0.08 norv. krono, 0.17 pola zloto, 0.40 port. eskudo, 4 rum. leoj, 0,07½ sveda krono, 0.04 turka funto, 0.02 urugv. peso, 0.02 usona dolaro.

La diversajn valutojn ni akceptas nur el la koncernaj landoj, sed el ĉiu lando ni akceptas pagon per sv. fk., germ. rmk., us. dolaro, angla funto, nederl. guldeno aŭ sveda krono.

N-ro 7 — Julio — 1927

# Danzig atendas la Esperantistaron.

En Danzig estas nuntempe febraj preparoj por inde aranĝi la 19-an Universalan Kongreson de Esperanto, samtempe kun la 40-jara jubileo de la ekzistado de Esperanto. Ĉiujn prikongresajn informojn oni trovas en la oficialaj komunikoj de la Loka Kongresa Komitato, kiuj aperas ĉiusemajne en „Heroldo de Esperanto". 10-paĝa, trikolore presita speciala numero estas ricevebla kontraŭ internacia respond-kupono poŝta, aŭ 30-centima respond-kupono de UEA, aŭ 20 pfg. en germanaj poŝtmarkoj. Adreso: Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln, Germanujo.

Adreso por aliĝoj al la kongreso: Esperanto-Kongreso Danzig.

### Libera urbo Danzig eldonis oficialajn poŝtkartojn kun Esperanto-teksto.

Okaze de la 19-a Universala Kongreso de Esperanto (27 julio ĝis 4 aŭg.) en Danzig, la Poŝta Direkcio de la Libera urbo Danzig eldonis oficialajn poŝtkartojn kun surpresita marko kaj esperantlingvaj tekstoj. — La urbestraro de Zoppot (marbanurbo apartenanta al la teritorio de Libera urbo Danzig) decidis nomi straton kaj placon Esperanto-strato resp. Esperanto-placo. Sur la Esperanto-placo estos plantata, okaze de la kongreso, Jubilea Kverko, pro la 40-jara jubileo de Esperanto. Al la Jubilea Kverko esperantistoj el la tuta mondo alportos teron el sia hejmlando. — La radio-stacioj de Danzig kaj Königsberg dum la kongreso dissendos Esperanto-paroladojn. — La Prusa Ministro de Klerigo konsentis al instruistoj forpermeson por partopreni la kongreson.

### Plena pensiono mendebla.

(El la 7-a Oficiala Informilo.)

Laŭ la deziro de multaj kongresanoj ni kompletigis la loĝejan tarifaron (sur la flava mendilo) per tarifo pri bonega plena pensiono kaj ni tre rekomendas ĝin baldaŭ mendi, ĉar la nombro estas limita.

**Tarifo VI.** a) Plena pensiono en **unuarangaj kaj duarangaj** hoteloj en Danzig. Ĉambro kaj tri manĝoj kun **malgranda menuo.** Matenmanĝo: kafo aŭ teo aŭ kakao aŭ lakto, butero, marmelado kaj bulkoj. Tagmanĝo: supo; fiŝo aŭ viando kun legomo; deserto. Vespermanĝo: supo; fiŝo aŭ viando kun legomo; fromaĝo. Elekteblaj laŭ karto. Prezoj por tago kaj persono: 9.—, 13.— kaj 15.— guldenoj.

b) Plena pensiono nur en **unuarangaj hoteloj** en Danzig. Ĉambro kaj tri manĝoj kun **granda menuo.** Matenmanĝo: kiel supre kaj ŝinko aŭ ovoj. Tagmanĝo: supo; fiŝo; viando kun legomoj; deserto. Vespermanĝo la sama, kiel la tagmanĝo. Elekteblaj laŭ la karto. Prezoj por tago kaj persono: 16.50, 18.— kaj 20.— guldenoj.

Ĉiu prezo entenas ankaŭ la plenan servadon. Laŭ deziro vegetara menuo preparata. Manĝokartoj en Esperanto.

### Jubilea Kverko.

(El la 6-a Oficiala Informilo.)

Dezirantoj partopreni en la plantado de la Jubilea Kverko bonvolu kiel eble plej baldaŭ anonciĝi kaj samtempe sendi al la LKK laŭvolan sumon, minimume 2 svisajn frankojn, por la kostoj de la solenaj aranĝoj (luksa memortabulo, Ora Libro, flagornamado, vojmontriloj ktp.), ne antaŭviditaj en la kongresa budĝeto. Eventuala resto estos transdonata al la fondo por la Zamenhofa Monumento.

En la plantado partopreni povas ankaŭ helpkongresanoj kaj esp. societoj kaj grupoj, laŭ la detaloj kaj kondiĉoj publikitaj en „Heroldo de Esperanto", ĉefartikolo de la n-ro de 24 junio. Tiu ĉi numero estas havebla kontraŭ internacia respond-kupono poŝta aŭ 30-centima respond-kupono de UEA aŭ 20 pfg. en germanaj poŝtmarkoj.

Por anonciĝo kaj pago oni povas uzi la flavajn mendilojn.

---

**La venonta numero de Verda Stelo** aperos kiel aŭg.-septembra numero (duobla numero) en la fino de aŭgusto.

### Salutkarto — memorajo.

(El la 7-a Oficiala Informilo.)

Je la propono de la Esperantista Klubo en České-Budejovice ni decidis ebligi al ĉiu Esperantisto ne povanta ĉeesti la kongreson la akiron de historie valora memoraĵo pri la jubilea kongreso:

ekzempleron el la oficialaj poŝtkartoj kun skribmaŝine surskribita saluta frazo programe subskribita de la kongresa prezidantaro kaj de ĉiulandaj (Aŭstralio, Japanujo, Kalifornio, Kaŭkazo ktp.) eminentaj gvidantoj de nia movado, kaj stampita per la speciala stampilo de la kongreseja poŝtoficejo.

Dezirantoj ricevi tiun memoraĵon bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian adreson kaj 1.— guldenon (1.— sv. fk.), kiel prezon de unu salutkarto, al: Esperanto-Kongreso en Danzig. La mono estas sendebla en letero per UEA-kuponoj aŭ poŝtaj respondkuponoj (3 pecoj por unu salutkarto). Por ŝpari afrankon al la mendantoj, ni petas la Esp.-grupojn kaj UEA-delegitojn, afable kolekti la mendojn. Ni devas ricevi la mendojn antaŭ la 25 julio, kaj la plenumon de pli malfrue ricevitaj mendoj ni ne povas garantii.

**Loka Kongresa Komitato, Danzig.**



**Braŝov (Kronstadt),**
la belege situanta urbo de la 7-a Rumana Esperanto-Kongreso, 13—17 aŭg. 1927.
*Adreso por aliĝoj:*
Tiberio Morariu, *Curmatura 27*, Braŝov, Rumanujo.

## Tra la mondo

Murdoj, sangaj ekzekutoj, ŝovinistaj ekscitparoladoj — kio povas elflori el tia semaĵo! Paco estas, laŭ kontraktoj, farita antaŭ ok jaroj; sed estas, kvazaŭ la furioj de l' milito kaj malamo ankoraŭ svingus sian vipon super la suferantaj popoloj. Kial, ho kial la popoloj ne faros veran pacon? Ĉu ankoraŭ ili ne estas maturaj por la beno de l' tero? Ĉu ankoraŭ ili devas gusti la amaran kalikon de l' malbeno praantikva? Aŭ ĉu neniam tiu terura malbeno estos forprenata de la homaro? Ĉu la popoloj devos interbatali kaj buĉi unu la alian ĝis la fino de la mondo?

Sed ne malesperi!

„Penu, hom', kaj firme fidu!" Tio estas la tragedia sorto de la homaro.

Penu ni, samideanoj, konvinki la mondon pri la sensenceco de ĝia interbuĉado, pri la frenezeco de ĝia interluktado per sangŝprucigantaj armiloj! Ne ĉesu ni proponi al ĝi nian mirindan interpacigilon — la lingvon internacian! Montru ni al ĝi ankoraŭ unufoje, dum nia **Universala Kongreso en Danzig,** ke ne bezonas esti la ano de unu nacio al tiu de alia nacio kiel sangavida rabobesto! Ke paca interkompreno kaj paca kunagado inter diversnacianoj estas ebla kaj parte jam efektivigita en la granda rondo familia de la esperantistaro!

Jen ĉio, kion mi volas diri hodiaŭ.

Observanto.

## Tra Esperantujo.

### La naciaj kongresoj.

Pentekoste okazis bonsukcesintaj naciaj Esperanto-kongresoj en Thiers (Francujo), kun partopreno de reprezentanto de l' Ministerio de Publika Instruado, en Wien (Aŭstrio) kun partopreno de multaj plej gravaj eminentuloj, kaj en Eskilstuna (Svedujo). Ankaŭ la 3-a Nederlanda Esperanto-Kongreso en Haarlem (28. ĝis 29. 3.) sukcesis bonege.

### La 7-a Kongreso de SAT

(SAT = Sennacieca Asocio Tutmonda) okazos la 12.—16. 8. en Lyon (Francujo). Aliĝojn ktp. oni sendu al la prezidanto, k-do Marcel Roux, 90 rue Boileau, Lyon 6.

### Itala kongreso en Napolo.

En Napolo okazos de 3-a ĝis 8-a de septembro la 12-a Itala Kongreso de Esperanto — bonega okazo por alilanduloj viziti la plej allogajn vidindaĵojn de Italujo.

### Esperanto kaj radio.

Radio-stacio Königsberg (ondo 329,7 m) akceptis la rezolucion de Lausanne (vidu en Verda Stelo, junio 1927!).

Dum la Sveda Esp. Kongreso en Eskilstuna, la loka radiostacio disaŭdigis la kongresparoladojn kaj paroladon de amerika samideanino f-ino Root pri „Impresoj el 6-jara esperantista vojaĝo". F-ino Root parolis ankaŭ el radio Oslo (Norvegujo). Pri okazontaj esp. radio-paroladoj regule informas Heroldo de Esperanto.

### Esperanto kaj sporto.

Ĉe esp. societo „Tagiĝo" en Radauti (Rumanujo) fondiĝis sporta sekcio, kiu la 12. 6. havis la unuan ludon. La sportvestaĵo de la gesekcianoj surhavas grandan verdan stelon.

## Medito pri familia feliĉo.

Kiu ne estus sopiranta feliĉigan, propran, familian hejmon? Jam en la pratempo la homo penadis koncentrigi ĉiujn siajn vivaspirojn per laŭnature morala fondiĝo de familia kunvivado, instinkte obeante la ĉefan postulon de l' naturo: „Vivu, vivadu kaj zorgu pri viaj idoj!"

La nova kulturepoko ŝanĝis nenion de tiu maksimo, ĉar ĝi restos eterne la sama, nur eksteraj formalaĵoj ŝajne aliiĝis la primitivan familian kunvivadon.

Ĉu ili ĝin pli- aŭ malplibonigis, mi ne juĝas, mi volas nur karakterizi la cirkonstancojn, kiuj laŭ mia opinio influas la modernan familian kunvivadon.

Perceptante ĉiutage diversajn familiojn, ni ekmiregas, kiel malmulte da familioj estas efektive feliĉaj kaj kontentaj.

Familia malpaco, eksedziĝo kaj disiĝo okazas ĉiutage, kaj la geeksedziĝintoj senpripense tuj-tuj kontraktas aliajn, novajn edziĝojn. Kion ili intencas per la denova edz(in)iĝo?

Nenion alian ol kion ili ne trovis dum la antaŭa edzeco: trankvilon, ordon, mastruman ekvilibron, komprenemon, amon, animan kaj korpan akordiĝon — feliĉon.

Nekontesteble la leĝoj pri eksedziĝo plifaciligas disigon, incitas virojn kaj virinojn eĉ pro bagatelaj riproĉoj minaci per eksedz(in)iĝo.

Precipe viro, konscia pri la facileco, povi esti ĉiam libera kaj trovi eble pli konvenan anstataŭulinon, fariĝas kvazaŭ tirano, kolerema eĉ aroganta kontraŭ sia edzino. Ne justa estas la leĝo, ke viro post la eksedziĝo ekiras en fraŭlan vivadon same kiel li eniris la edzecan, sed virino perdas ĉion, ĉar ŝi donadis sian tutecon kaj foriras senigita de la plej valora eco, de ŝia korpa sendifekteco, ŝi foriras kun animo, venenita pro maldolĉa elreviĝo kaj pro malfeliĉa amo, daŭronta ŝian tutan vivadon.

Mi koncesias, ke ankaŭ virinoj kelkfoje estas kaŭzo de eksedziniĝo, sed la plimulto da tiaj estas facilanimaj, malspertaj, sed nur malofte vere malbonaj.

Laŭregule edziĝas viro jam iom plenaĝa, vivosperta. Virino kontraŭe edziniĝas juna, kelkfoje preskaŭ infano, malsperta, ne konsciante la mastrumajn kaj patrinajn devojn, ĉar viroj elektas prefere nur junajn knabinojn.

Kaj jen subite la viro, kiu antaŭ la edziĝo adoris, dorlotis ŝin kaj laŭdegis ĉiun, eĉ plej naivan agadon, ŝanĝiĝas post la edziĝo, fariĝas kritika mastro, kiu post kelkaj ravigaj tagoj aŭ semajnoj de l' mielmonato postulas de sia juna edzino virtojn kaj spertojn, kiuj distingis lian 50-jaran patrinon.

En ĉion li miksiĝas, ĉion kritikaĉas, ĉion li volas havi tiel, kiel ĝin faris lia patrino, ĉar li estis edukita per la konvinko, ke ĉio de ŝi farita devas esti perfekta. Sed li forgesas kaj ne atentas, ke lia edzineto estas edukita alimaniere, kaj ĉio, kion ŝia patrino faris, ŝi konsideras senerara kaj sankta. Konstante daŭran kritikon kaj mallaŭdon neniu toleras, precipe tiam, kiam la kritikulo mem ne volas esti kritikata aŭ mallaŭdata. Daŭrigata mallaŭdo tedas, hontigas, estas kaŭzo de foriĝanta memfido kaj malstreĉata laboremo, malvarmiĝas eĉ plej ardan amon, ĝis fine estiĝas apatio kaj indiferenteco, kiu naskas malamon. Estas nesufereble, kiam edzo parolas ĉiam severtone kaj mallaŭdas nedelikate ĉiun bagatelon per granda gesto de aŭtokrato, forrifuzante eĉ infanecan sindonemon de sia juna edzinjo, kiun li antaŭ nelonge dorlotis kaj kiun dorlotetis hejme ŝiaj gepatroj.

Tiamaniere komenciĝas la unua elreviĝo kaj unua maldolĉiĝo.

Virino, ofendita en ŝia amo kaj virineco, eksentas kaj ekkredas, ke ŝi estas maljuste traktata, ŝi pasie sin ekdefendas kaj fariĝas ekscitiĝema, nervoza, fine eĉ ekpridubas, suspektas la amon de sia edzo.

Depost tiu animstato ekvelkadas ŝia amo kaj konfidemo al li, tre ofte allogas ŝin dolĉaj kaj flatemaj frazoj de aliaj viroj, jen la komenco de la lasta akto de familia tragedio.

Feliĉo kaj kontentigo en ĉiu familio povas esti nur tiam daŭra, se la geedzoj estas sinceraj, malkaŝe konfesemaj kaj cedemaj.

Tolerema kaj amplena viro, kiu indulgas sian edzinon, havigas al ŝi tempon por kutimiĝi al ŝiaj devoj, sukcesas per sia laŭdo kaj aprobo pli facile, ol per ankoraŭ pli sangvina mallaŭdo.

Ame traktita fariĝas virino ridetema kaj gaja, kiu penadas aranĝi por li mastrumon tia, kia li imagis ĝin, estiĝante zorgema kaj ŝparema mastrino, amanta kaj pacienca patrino, kaj kompensas ĉiurilate kaj plene lian bonkorecon. Poste la egaliga tempo aranĝas ĉion laŭ iliaj reciprokaj deziroj (komprenebie sen kompromisoj nenio fariĝas), ili konformigas sian hejmon laŭplaĉe, laŭ siaj idealoj, kaj tiu ĉi hejmo ŝajnos denove al iliaj infanoj modelo por ties estonta vivado.

Perhak.

# Esperanto kaj Scienco.

La redaktoro de la Bahaa Esperanto-gazeto „La Nova Tago" sendis la raporton de la Aerologia Instituto de Tateno en Japanujo al la Germana Mar-Observejo en Hamburg por recenzo. Ĉar antaŭvideble neniu el la scienculoj scipovis Esperanton, li enmetis germanan Ĉefeĉ-ŝlosilon. Kiel kompenson por la recenzo li destinis la ekzempleron de la raporto al la instituta biblioteko. Jen la (tradukita) recenzo de regna kons. Prof. D-ro Gerhard Castens en Hamburg:

**Raporto de la Aerologia Observatorio de Tateno. N-ro 1. 1926.**

La raporton, verkitan en Esperanto, enkondukas indikoj pri la historio de la japana instituto, fondita en 1920, pri ĝia geografia situo, la personaj cirkonstancoj kaj la instrumentaro. Kartetoj, skizoj de la konstruajoj, fotoj de la tuta instituto kaj de la ĉirkaŭaĵo sekvas. Poste, sur 152 paĝoj estas detale raportitaj la rezultoj de 464 pilotbalonaj observadoj el la jaro 1923 kaj 677 observadoj el 1924. Sekvas sezonaj meznombroj de la ventrapidecoj kaj -direktoj en la diversaj altecoj, ilustritaj per multaj grafiaj skizoj. Tabeloj kaj klarigoj pri la ŝanĝoj de la rapideco de l' supreniĝoj de diversgrandaj balonoj fine transkondukas al la pritrakto de la konvekta kaj turbulenca problemo.

Estas eksterordinare ĝojige, ke en la malproksima oriento oni komencis, publikigi la sciencan observan materialon en lingvo, kiu ĝin faras alirebla ankaŭ al la okcidentano. Ĝuste la meteorologo devas kun speciala danko saluti tiun ĉi progreson! La tempojn de la „preĝejtura veterprognozo" ni postlasis. La vetero „malantaŭe, malproksime en Turkujo" estas ankaŭ nia vetero, ĉar ĝi estas kundecida por la nia. La mallongiĝo de spaco kaj tempo, kiun alportas la mondtrafiko, la esplorado de la vetera interligiteco inter diametre kontraŭaj terregionoj — ĉio devigas la meteorologon direkti la rigardon malproksimen, ampleksi la terglobon. Senkonsile alifianke la plimulto de la okcidentaj sciencistoj staras vid-al-vide kun la sciencaj verkoj de l' oriento. Jam la registrado kaj enordigo de ties publikaĵoj en niajn fakajn bibliotekojn prezentas ofte nesubigeblajn malfacilaĵojn, kiom pli la komprenon de la enhavo!

La prognozo por la disvastiĝo de la trafika kaj scienca artlingvo estas **favora** — jen la opinio, al kiu min kondukis la supre nomita japanaflanke eldonita verko.

**Prof. D-ro Gerhard Castens, Hamburg.**

# El Scienco kaj Tekniko.

**La unua sendrata telefona interparolado inter Germanujo kaj Usono**

okazis inter la fama oceantransfluginto Chamberlin kaj lia patrino. La interparolado estis telegrafe antaŭanoncita, ĝi iris trans Londonon kaj daŭris unu minuton. La kontakto inter Londono kaj Novjorko estis sendrata per longonda senstacio helpe de mallongonda sendilo. La interparolado okaziĝis jene:

„Hallo! Ĉi tie estas Omaha!" anoncis sin la oficistino trans la oceano, kaj baldaŭ poste oni aŭdis: „Ĉi tie estas patrino!"

„Mi alvenis feliĉe," diris Chamberlin. „Mi estas mirinde akceptita kaj estas treege mirigata pri la granda entuziasmo de la Berlina publiko."

Lia patrino ŝajne demandis lin, kiel longtempe li intencas resti en Germanujo kaj kion li projektas por la venontaj tagoj. Li respondis: „Tion mi ankoraŭ ne scias, kaj mi ankaŭ ne jam povas diri, per kiu vojo kaj kiamaniere mi revenos. Nur post kelkaj tagoj mi decidiĝos. Pri tio mi ankoraŭ telegrafos. »Good by, mother«! (Bonfartu, patrino!)"

La minuto finiĝis, kaj la interparolado ankaŭ. La usona ambasadoro intencis ankoraŭ paroli kaj volis diri kelkajn afablajojn al la patrino de Chamberlin, sed la kontakto jam estis disigita.

**La transatlantikaj flugoj.**

La unua transflugo okazis la 14 kaj 15 julio 1919, sukcesis ĝin la angloj **Alcock** kaj **Brown**, sed en la plej mallonga loko, inter Nova Faŭndlando kaj Irlando (3040 km). En la sama jaro transflugis la amerika leŭtenanto **Read** la Atlantikon el Nova Faŭndlando al Lisbono, sed kun dumvoja alteriĝo sur la Azoraj insuloj (du-etapa, 4500 km).

En aŭgusto 1924 tri flugaparatoj transflugis la Nordan Atlantikon el Britujo al Ameriko, haltante dumvoje sur Arkadaj insuloj (apud Grenlando).

La Suda Atlantiko estas transflugita trifoje: de **Sarmiento Baires**, portugalo, **Franco**, hispano, kaj **De Pinedo**, italo, sur la vojo el Afriko al Brazilo (2200 km.)

La plej longajn distancojn sen halto sukcesis traflugi **Lindbergh** (el Nov-Jorko al Parizo, ĉ. 5900 km) kaj **Chamberlin** kun **Levine** (el Nov-Jorko al vilaĝo proksime de Eisleben en Germanujo, ĉ. 6400 km).

S. Grenkamp.

**Akvoglitilo.**

Franca inĝeniero A. Remy konstruis en Cherbourg novan specon de ŝipo, kiun li nomis „Hydroglisseur" (akvoglitilo). La inventinto esperas per la nova ŝipo transgliti la Atlantikon en 3½ tagoj. La rekordon ĝis nun tenas la vaporŝipo „Mauretania" de „Cunard-Linio", kiu transnaĝis la oceanon en ĉ. kvar tagoj kaj dekunu horoj. Antaŭ la milito la rekordon tenis dum sep jaroj la germana ŝipo „Deutschland" de „Hamburg-Amerika-Linio"; poste ĝi devis ĝin cedi al la „Lusitania", kiu estis dronigata dum la milito, kaj al la „Mauretania". En la venonta jaro du novaj germanaj ŝipoj po 46 000 tunoj kaj itala motorŝipo de 33 000 tunoj konkuros por la rekordo.

**Pavimmaŝino.**

Ĝis nun ĉiuj provoj anstataŭi la penigan laboron de pavimistoj per maŝino malsukcesis. Nun sveda inĝeniero Carlsson inventis tian maŝinon, kiu kapablas pavimi 20—25 kvadratmetrojn pohore, tio estas la laboro de 4—6 lertaj pavimistoj. La maŝinon movigas aere malvarmigata benzinmotoro de 2½ ĉevalpovoj. La pavimmartelo faras kutime 60 batojn pominute, sed tiu nombro estas variebla. La maŝino kuras sur pneŭmatikaj radoj. Ĝi pavimas grandajn kaj malgrandajn ŝtonojn. Ĝia servado estas tre simpla kaj en mallonga tempo lernebla.

**Flamo en akvo.**

Okaze de la lasta Kolonja Foiro estis montrata aŭtogena tranĉbrilo, per kies flamo oni povas tranĉi feron en akvo. La flamo estas ĉirkaŭita de oksigena mantelo, kiu malhelpas estingiĝon de la flamo en la akvo.

**Reguligo de l' radia sendado en Usono.**

En Usono ekzistas pli ol 18 000 sendstacioj, el kiuj pli ol 700 estas destinitaj por la distra radiado. Nun oni komisiis komisionon de kvin personoj, nove reguligi la distribuon de la ondlongoj en la tuta lando. Verŝajne ĉe ekvalidiĝo de la nova leĝo multaj sendstacioj devos malaperi.

# Fratinoj sen frato.

(Serba popola kanto.)

Du fratinoj fraton ne posedis,
Tian do el silko blanka volvas,
El purblanka kaj el sangoruĝa;
Je talio buksolignon metas,
Je okuloj du valorajn ŝtonojn,
Je brovetoj du hirudojn marajn,
Je dentetoj du perlvicojn brilajn;
Lin satigas per mielsukero:
„Tion manĝu, al ni ekparolu!"

El serba lingvo tradukis:
Georg P. Radovanovič, Sremska Mitrovica.

# Terura nokto.

Reveninte hejmen de la oficejo, iun mallumam decembran vesperon, mi rapide manĝis la vespermanĝon, por ke mi povu pasigi kelkajn horojn per la legado de nova libro, kiun mi aĉetis pli frue dum la tago.

La libro temis multe pri misteroj kaj magio kaj estis bone verkita de nekonata aŭtoro.

Mi tre ŝatas legi misterajn rakontojn; do, post la vespermanĝo, mi sidiĝis en komforta brakseĝo apud la forno.

Ekstere pluvis kaj fulmotondris, kaj ŝajnis al mi, kvazaŭ ĉiuj potencoj de la naturo sin ĵetas kontraŭ la domon. Tamen mi sentis min tute feliĉa en tiu vespero, antaŭ la varma forno, kun la libro en la mano kaj la stomako plena de bongustaĵoj.

Mi malfermis la libron kaj eklegis. Miaj pensoj tiel perdiĝis en la legado, ke preterflugis kelke da horoj kaj mi ankoraŭ estis avide leganta la bone verkitan misteran libron.

La edzino jam enlitiĝis pro malbonfarto, kaj ankaŭ pro la malfrua horo.

Fine kun malforta ekĝemo mi fermis la libron. Mi finlegis ĝin, kaj ĉiuj misteroj entenataj en ĝi ree kaj ree trapasis tra miaj disigitaj pensoj.

La fajro jam ne brulis, kaj la vento pli forte atakis la domon. La pluvo pli rapide falis teren.

Mi leviĝis de la seĝo kaj streĉis miajn membrojn por doni al ili sufiĉan forton supreniri la ŝtuparon al la dormoĉambro.

Rigardo al la horloĝo montris al mi, ke jam pasis la noktomezo.

Enirinte la dormoĉambron mi lumigis la oleolampon, kiu staris sur tableto apud la kapaĵo de la lito.

Nia domo troviĝis sur monteto for de la aliaj domoj de la vilaĝo. Ĝi estis konstruita el kverka ligno tre malnova; kaj kiam fortaj ventoj blovis, oni povis aŭdi multajn misterajn nekompreneblajn sonojn, kiuj knaris kaj knaradis tra la tuta domo, kvazaŭ pretigante ĝin je baldaŭa disfalo kaj ruiniĝo.

Dum mi senvestiĝis, denove venis al mi la memoroj pri la jus legitaj misteraj rakontoj, tiugrade, ke mi frostotremis.

Mi rapide enlitiĝis, sed mi ne povis ekdormi. Io flirtegis super mi. Io nedifinebla.

Sube, la horloĝo sonis la duan horon, kiam mi aŭdis alian malsimilan sonon sur la ŝtuparo. Ĉu tio estas ŝtelistoj? Ho ne, tute ne. Kion ili povus trovi en nia malnova malriĉa domo?

Mi atente aŭskultis, sed la sonoj malrapide pli kaj pli foriĝis, kaj fine mi aŭdis plu nenion. Eĉ la vetero fariĝis kvieta, aŭ almenaŭ tio ŝajnis al mi.

En la lito trankvile dormis la edzino, kun rideto ĉirkaŭ la buŝo. En la lumo de la luno ŝi aspektis kvazaŭ en profunda morta dormo. Ŝi eĉ ne moviĝis kaj ŝajne ne spiris. Krome mi estis tro malkuraĝa por veki ŝin, kaj certe tiuj sonoj estis nur mia imago.

Duone konsolante min, ke la sonoj venis el miaj propraj pensoj pro la legado de la mistera libro, mi iom kvietiĝis, komencis dormi . . .

Mi dormis unu horon, eble du, kiam io vekis min per frapo sur mian manon. Mi tuj malfermis la okulojn kaj penis rigardi ĉirkaŭen, sed mi ne povis ion distingi.

La luno ien sin kaŝis, kaj nepenetrebla estis la mallumo en la ĉambro.

Kio min frapis?

Ĉiuj misteraj rakontoj reflugis en mian cerbon, mi eĉ aŭdis denove la strangajn sonojn.

Etendante la manon por serĉi la alumetojn, mi tuŝis ion, kio ŝajnis al mi la formo de granda mano, tre dika kaj malmola.

Kio ĝi estas? Ĉu estas la mano de l' morto?

Mia pasinta malbona vivo aperis antaŭ miaj okuloj, kiel sonĝo reala, malbeninda.

Mi pensis ekkrii; sed mia gorĝo tiel sekiĝis, ke la vortoj ne povis eliĝi el mia buŝo.

Iom kuraĝiĝinte, mi denove tuŝis la malbonan malvarman manon kaj premtenis ĝin.

Hu! Kia malvarmega mano de morto ĝi estas! Mi pensis, ke jam venis kaj preskaŭ finiĝis mia lasta horo sur tiu ĉi tero.

Fine mi balbutis kelkajn nekompreneblajn vortojn, kiuj vekis mian edzinon.

„Kio estas?" ŝi murmuretis duondorme.

„Pro la amo de Dio, lumigu tuj la lampon, aŭ . . . aŭ . . . Rapidu, lumigu ĝin! Ĉi tio mortigos min!"

Je tiuj ĉi vortoj la edzino ellitiĝis kaj eklumigis la lampon, kaj tiam mi vidis, ke vere mi premis manon, kiu ŝajnis al mi tre dika, malvarma kaj malmola mano.

Ĝi estis mia propra alia mano, kiun mi estis premtenanta ĉirkaŭ la manradiko.

Konjekteble, dum mia dormo, mi metis mian tutan pezon sur unu brakon kaj manon tiel, ke ĝi rigidiĝis. Kiam mi turniĝis en la lito, mia rigidigita brako falis sur la alian manon kaj min vekis.

Komprenebie mi ne sciis, ke ĝi estis mia propra mano, pro la rigideco, kaj ĝi ja ŝajnis al mi tre dika, malmola, malvarma mano. La strangaj sonoj certe estis nur la knaroj de la malnova domo. Mi diris al mi mem, ke estonte mi neniam plu legos misterajn rakontojn post la vespermanĝo.

Originale verkis: W. Vincent, London.

### Pri rapideco de lokomotivoj.

Rapideco menciita en n-ro 6 de Verda Stelo, kiam lokomotivo el fabrikejo „Maffei" atingis rapidecon de 127 km. pohore, havas ne grandan intereson por studanto de fervojaj fakoj. Mi jam konas tiun fervojan linion, kiu estas, en direkto Augsburg-Nürnberg, sufiĉe dekliva, do pli granda rapideco estus facile atingebla. Laŭ la artikoleto oni supozas, ke estis nura lokomotivo, sen trajno. (Estis lokomotivo kun trajno. —Red.)

Hodiaŭ preskaŭ ĉiutage, la skota ekspreso el Londono atingas sur parto de sia linio rapidecon de 110 km. pohore; la vagonaro pezas ĉ. 350 tunojn. Tiu rapideco ne estas sole en Britujo, ĉar mi vojaĝis pli ol unufoje je ĝi. En Francujo, antaŭ la milito, mi vojaĝis en svisa ekspreso apud Longueville, kiam la rapideco atingis precize 120 km. pohore dum pluraj kilometroj: la vagonaro pezis ĉ. 400 tunojn.

La plej granda p r a k t i k a rapideco iam atingita estis per elektra vagono en Germanujo, inter Marienfeld kaj Zossen apud Berlin, jam antaŭ 25 jaroj, kiam ĝi atingis precize 200 km. pohore. Notu, ke la rekordoj nuntempaj de aŭtomobiloj estas kvazaŭ fantaziaj, ĉar ilin faris specialegaj vagonoj; kontraŭe, la Zossen'a vagono enhavis aron da vojaĝantoj.

Pli apudtemaj estas vaporlokomotivaj rekordoj. La plej granda oficiala rapideco estis atingita en 1905, de vagonaro de Granda Okcidenta Fervojo en Anglujo, kiam la rapideco estis dum mallonga tempo sur deklivo 163 km. pohore. Oni rakontas, ke antaŭ multaj jaroj, verŝajne ĉ. 1880, kondukisto de lokomotivo petis permeson iri de Londono al Bath (171 km.) en unu horo, kondiĉe ke lia vivo estu asekurata de la kompanio. Oni malakceptis lian peton. Se li estus tion farinta, li estus atinginta ĝis 200 km. pohore. Mi konas kondukiston de lokomotivo, ĉe la sama kompanio, kiu venigis vagonaron de Swindon al Londono, tra multaj interplektiĝoj de linioj, en unu horo kaj kvarono (123 km.). La sama kompanio reklamas per Esperanto.

Hugh Nicol, London.

### Internacia intelekta kooperado.

Japana Profesoro de Filozofio, D-ro Kanokogi, estas vokita al la Universitato de Berlino por prelegoj ktp.

## Diversaĵo.

### Tagoj sen dato.

Jam delonge en la Ligo de Nacioj estas pritraktata la problemo de kalendara reformo. Multaj projektoj estas studitaj, tamen neniu plene kontentigas. Precipe la divido de la jaro je kvar egalaj partoj prezentas malfacilaĵojn. Unu projekto antaŭvidas kvar kvaronjarojn po tri monatoj po tridek tagoj. La restaj kvin tagoj estus festotagoj sen-dataj, kaj ili ricevus la nomojn: Novjara, Printempa, Somera, Aŭtuna kaj Vintra tagoj. Tre bone; sed ĉu oni pripensis, ke kiam en nordo estas somero, la sudo havas vintron? Do, estonte, oni devus diri, ke somero estas varma en la nordo kaj malvarma en la sudo.

### Ankoraŭ ekzistas la aventuroj.
### La vivo de burino.

Antaŭ kelkaj monatoj mortis en Johannesburg (Sudafriko) burino kun nomo Katerino Geising en la aĝo de 108 jaroj. Ĝis la fino de sia vivo ŝi ĝuis plenan sanecon, nur mallonge antaŭ sia morto la unuan fojon en sia vivo ŝi konsultis kuraciston.

Katarino Geising jam vivis, kiam la buroj entreprenis sian unuan grandan „trek"-on (karavanon) por serĉi novajn lokojn por koloniigo. Ĉe tio ili havis sangajn batalojn kun la zulu-kafroj, kies teritorion ili trapasis. S-ino Geising partoprenis la karavanon de la bura gvidanto Piet Retief kiel 19-jara fraŭlino. Ŝi estis ĉe la antaŭkaravano, kiu en la jaro 1838 estis atakata de la zuluoj. Ŝia propra patrino estis dum la masakro mortigata antaŭ ŝiaj okuloj. Ŝi mem estis atakata de zuluo; jus li volis ŝin trabori per sia lanco, kiam unu el la buroj lin mortigis per pafo. Poste ŝi kaŝiĝis sub amaso de mortigitoj kaj saviĝis. Post rebato de la unua atako de Dingan (la ĉefo de l' zuluoj), ŝi prenis, same kiel la aliaj burinoj, hakilon. La zuluoj denove atakis kaj provis penetri en la veturilan „kastelon", sed multaj el ili pereis per la hakiloj de la burinoj.

En tiuj tempoj, s-ino Geising ankaŭ partoprenis la batalon ĉe la Sanga rivero. Eĉ nuntempe la sudafrikaj buroj festas tiun tagon kiel „Dingan"-tagon. Ofte ŝi rakontis pri la tiamaj bataloj, kaj ŝi diris: Miloj da zuluoj estis mortpafataj, kaj estas fakto, ke estis vera sangrivero. Post finita batalo ni transiris la riveron sur la kadavroj de la mortpafitoj.

La edzo de s-ino Geising mortis antaŭ tridek jaroj en aĝo de 99 jaroj. Oni asertas, ke li partoprenis la militiron de Blücher kontraŭ Napoleono.



La plej aĝa kaj la plej juna partoprenintoj de la 18-a Brita Esp. Kongreso en Cheltenham: s-ro Farmer el Stoke Newington (89-jara) kaj s-reto Teddy Wood el Torquay (15-monata).

### La »malforta sekso«.

Ĉu ni povos de nun plu nomi »malforta« la virinan sekson? Jam en Londona mitingo aŭdigis sian indignan voĉon s-ino Mabel Magy, energie malakceptante la nomon, kiun ŝi opinias hipokrita kaj malhonora kompato de la viro. La statistiko jus pruvis (aldonis la oratorino), ke en Anglujo dum 1926 mortis 449 personoj pli ol centjaraj. Nu, el ili estis 327 virinoj. Ĉu povas esti plu opiniata »malforta« nia sekso?

La viroj ĝis nun klopodis kulturi nian malfortecon, kiel ili kulturis la kurĉevalojn, la bonrasajn hundojn kaj la porkojn de York. Ili nin kondamnis al la senmoveco, por ke niaj muskoloj atrofiu kaj kovriĝu per graso, kiu nin malbonformigas sed kiu logas la malvirtulojn. Ili volis nin malfortaj, por ke ni ne povu plenumi iliajn oficojn, konkurante kun ili pri postenoj. Sed venis la horo de nia liberiĝo. La sporto nin fortigas kaj, generacion post generacio, ni maldegeneros, reekhavante niajn muskolojn, nian facilmovecon, kiuj je nenio malsuperos la ecojn de la viro.

La milito pruvis, ke ni povas okupi liajn lokojn en la fabrikoj, en la oficejoj kaj en la plej maldelikataj metioj. Ni estas tiom rezistaj kiom ili, kaj pli atentaj, pli konstantaj kaj kun malpli da malvirtoj, ĉar ni ne trinkas, ne fumas, nek venas en nian kapon uzi niajn ŝparaĵojn por prostitui la alian sekson.

Ni forlasu la grason, kiu rondigas niajn formojn, ĉar ĝi estas signo de nia sklaveco! Ni tondu la harojn kaj imitu la turkinojn, kiuj sukcesis forigi la poligamian jugon, kiun fundanime ĉiuj homoj deziras! (? Red.) Ni egalu la virojn ĉe ĉio kaj por ĉio!

La oratorino estis ovaciata.

El jurnalo „El Noticiero" trad.
Luis Santamarina.

### Verda Libertempo 1927.

Tiu entrepreno ne nur prezentos agrablan restadon inter gesamideanoj, konigante la mondfaman Rejnregionon, sed ĝi estas ankaŭ tre rekomendinda por tiuj esperantistoj, kiuj deziras perfektiĝon en la lingvo mem per interbabilado kun alilandanoj. Pli mallonga aranĝo ebligos partoprenon ankaŭ al tiuj, kiuj ne povas ĉeesti la tutan tempon. — Bonvolu atenti la anoncon kaj, se vi havas intereson, petu tuj prospekton!

## Por komencantoj.

### La urbo de la nunjara Universala Kongreso.

En la nuna jaro, la Universala Kongreso de Esperanto okazos en Danzig. Danzig estas Libera Urbo. Ĝi estas urbo belega. Ĝi staras apud la Balta Maro kaj havas grandan havenon, en kiu troviĝas multaj ŝipoj.

Danzig posedas pentrindajn stratetojn, interesajn antikvajn domojn kaj belegajn preĝejojn. Unu el la preĝejoj, la tiel nomata Mario-preĝejo (Preĝejo de Sankta Mario), estas laŭ grandeco la kvina en la mondo. Ĝi posedas kolosan turon, kiu ne havas pinton. Tiu ĉi preĝeja turo estas la ĉefa signo de Danzig. Alia signo de Danzig estas la tiel nomata „Krantor" (Grua pordego). Danzig posedas ankaŭ tre belan urbdomon kun alta pinta turo.

Al la teritoro de la Libera Urbo Danzig apartenas la marbana urbo Zoppot. Ĝi estas ankaŭ tre bela urbo kaj konata tra la tuta mondo.

Danzig estas facile atingebla el Germanujo, Polujo, la baltaj ŝtatoj: Litovio, Latvio kaj Estonio, el Danujo kaj el la nordaj landoj: Svedujo, Norvegujo kaj Finnlando. Sed ankaŭ britoj, nederlandanoj, rusoj kaj aliaj volonte vizitos la urbon de la nunjara kongreso.

Ne ĉiu havas nunjare la monon por viziti la kongreson. Li ŝparu, por ke li povu viziti la kongreson de Antverpeno en la venonta jaro.

## Poŝtĉek-kontoj de Heroldo.

Bonvolu noti, ke ĝis nun ni aranĝis poŝtĉekajn kontojn je la nomo de „Heroldo de Esperanto, Horrem b. Köln" en sekvantaj landoj:

**Aŭstrio:** Wien D-62.473.
**Danujo:** Kobenhavn 4962.
**Polujo:** Warszawa 191 094.
**Svedujo:** Stockholm 4180.
**Svislando:** St. Gallen IX 4602.

## El „Golestan" (Florejo) de Saadi.

### Rakonteto.

Neniam mi plendis pri malbona tempo nek malĝojis pri returniĝoj de sorto, escepte nur pri tiu periodo, kiam miaj piedoj estis nudaj kaj mi ne povis aĉeti piedvestaĵon.

Malĝoja mi eniris moskeon de Kufa kaj ekvidis homon, kiu ne havis piedon. Tiam mi alportis dankon kaj laŭdon por la favoroj de Dio kaj forgesis la foreston de piedvestaĵo.

Rostita kokino en okuloj de satulo estas pli malgranda ol folieto da salato sur tablo; sed por tiu, kiu ne havas riĉecon, nek potencon, eĉ rapo nekuirita estas kvazaŭ kokino rostita.

El persa lingvo tradukis
E. Rebrik, Teheran.

## Ŝia unua vesto.

De Erwin Rosenberger.

— kaj kiam Adamo kaj Ĥava ekmanĝis la pomon, ili rimarkis, ke ili estas nudaj.

Kaj la virino diris: „Venu, ni iros fari al ni vestojn!"

Tiam Adamo ekstaris kaj iris serĉi junkojn kaj foliojn kaj trunketojn, por ke Ĥava el ili faru la vestojn.

Post kiam li alportis junkojn, figofoliojn kaj trunketojn, diris Ĥava: „Estas necese, ke mi antaŭ ĉio faru al mi antaŭtukon. — Adamo, donu al mi la figofoliojn!"

Adamo faris, kiel estis al li ordonite, kaj Ĥava komencis plekti la antaŭtukon.

Sed baldaŭ ŝi interrompis la laboron, enpensiĝis kaj diris: „Tio ne estas la ĝusta laboro. Mi devas unue fari veston, kiu estas al mi pli grava, valora kaj agrabla ol ĉio alia. Tiun plej utilan el ĉiuj aĵoj mi nepre devas fari unuavice. — Adamo, metu dume flanken la figofoliojn!"

Kaj Adamo flankenmetis obeeme la nefinitan foliantaŭtukon.

„Adamo, donu al mi junkojn!"

Adamo humile donis al ŝi kelkajn faskojn da junkoj.

Tiam Ĥava komencis fervore plekti la veston, kiu ŝajnis al ŝi multe pli grava, utila kaj agrabla ol ĉio alia — la pantoflon.

Kaj Adamo, la unua pantoflulo, bonkore, sen ion antaŭsuspekti, alrigardis la progresantan kreskadon de la danĝera plektaĵo.

Elgermanigis: D-ro L. D r e h e r.

## La museto kaj la pasero.

De Victor Eftimiu.

— Fratineto, kiom mi amas vin! Vi estas same eta kiel mi, kaj vi estas samkolora. Kiam mi vidas vin venantan malsupren de sur la arbo, por greneroj, ŝajnas al mi, ke mi mem havas flugiletojn.

— Neniam vi havos flugilojn! respondis superece al ĝi la pasero. Mi ne estas via fratino, kaj mi petas, ne plu nomu min tiel. Tre povas esti, ke mi estas same eta kiel vi, ke mi manĝas la samajn grenerojn kaj estas samkolora; sed ne forgesu, ke mi flugas, dum vi restas sentaŭga museto! Nenio kunligas nin, eĉ ne proksimigas nin almenaŭ. Kaj ni neniam estos kune . . .

**Edifo.** Mi forgesis diri al vi, ke tiu ĉi diskuto okazis en la stomako de kato.

El la rumana originalo tradukis
Tiberio Morariu.

## Ŝercoj.

La 15-an de majo oni enkondukis en la horaron de la germanaj fervojoj la internacian tempon de 0—24 horoj. Vilaĝano, kiu nenion aŭdis pri tio, demandis fervojiston, kiam veturos la venonta vagonaro al Berlino. La oficisto respondis: „Je la 19.28-a!" Mirigite demandis la vilaĝano: „Ĉu antaŭ la jaro 1928 ne plu veturos vagonaro al Berlino?"

Elgermanigis Oŝo.

### Dormema kuracisto.

Dormema kuracisto vizitis pacienton. Li metis la kapon al la brusto de la paciento kaj diris: „Elparolu la nombrojn!" — La paciento komencis: „Unu, du, tri, ktp." — Kiam la kuracisto vekiĝis, li aŭdis: „ . . . tricent-dudek-unu . . . tricent-dudek-du . . ."

Floro, Londono.

Kelnero: Ni donas bonegajn vespermanĝojn, sinjoro, po ses ŝilingoj; ankaŭ bonegajn vespermanĝojn po ok ŝilingoj.
Gasto: H-m-m. Kio estas la diferenco?
Kelnero: Du ŝilingoj.

Floro, Londono.

### Aparta recepto de grogo.

— Mi verŝas ordinare duonon da glaso da varma akvo kaj poste plenigas la glason per rumo.

— Kaj mi havas alian recepton: mi plenigas la glason per varma akvo, poste mi elverŝas la lastan tute, kaj fine mi plenigas la glason per pura rumo.

D. Savicki.

## Enigma konkurso.

**La solvoj de la enigmoj en la hodiaŭa numero devas alveni ĝis 20. 8., el transoceanaj landoj (escepte de Norda Ameriko) ĝis 20. 10. La solvoj estu skribitaj klare sur aparta leterfolio aŭ poŝtkarto, kun klara adreso. Ne skribu la solvojn de du monatoj sur sama folio aŭ karto!**

### 1. Literinterŝanĝa enigmo.

En sekvontaj „vortoj" oni interŝanĝu la literojn tiel, ke la novaj vortoj signifas tion, kio estas priskribata inter parentezoj:

1. Neto (vulkano en Eŭropo), 2. Jarpsodo (insulgrupo en la Egea maro), 3. Nettemasto (lasta volo), 4. Kriemao (kontinento), 5. Nireso (alarmilo), 6. Gnuo (parto de korpo), 7. Kroldeno (arbofrukto), 8. Uĝo (agrablaĵo), 9. Krano (bezonaĵo de ŝipo), 10. Drutno (stepo), 11. Lamejo (fandaĵo-kovraĵo de metaloj k. a.), 12. Famogeno (plilaŭtigilo), 13. Slipokogio (scienco), 14. Aklozo (herbo), 15. Stimaneo

# Alfabeta Listo de la nun aperantaj Esperanto-gazetoj,

kun kiuj la Redakcio de Heroldo kaj Verda Stelo interŝanĝas depost 1. 7. 1927

Al ĉiuj ĉi-malsupre nomitaj gazetoj ni liveras kontraŭ 2 ekzempleroj de ilia gazeto po 1 ekzemplero de **semajna** Heroldo kun monata Verda Stelo. Al la pli gravaj kaj regule ĉiumonate aperantaj gazetoj ni interŝanĝe liveras po 2 ekz. de Heroldo kun Verda Stelo.

**Atentu la signojn:** * antaŭ gazettitolo signifas, ke la koncerna gazeto estas nepresita sed manskribita, maŝinskribita aŭ hektografita; (n) post adreso signifas, ke de la koncerna gazeto **ni ne** ricevis numeron dum la pasintaj monatoj.

**Amerika Esperantisto,** 507 Pierce Bldg., Coplay Square, Boston 17, Mass., Usono.
***Antaŭen,** M. Amiel, 5 West 83rd St., New York City, Usono.
**Arbeider-Esperantisten,** Folkets Hus, Oslo, Norvegujo. (n)
**Argentina Esperantisto,** Carlos Pellegrini 238, Buenos Aires, Argentino.
**Aŭstria Esperantisto,** Postfach, Korneuburg bei Wien, Aŭstrio.
***Bahaismo kaj Esperanto,** Mohamed Labib, Kermanshah, Persujo.
**Belga Esperantisto,** Kl. Hondstr. 11, Antwerpen, Belgujo.
**Berliner Esperanto-Anzeiger,** Stubenrauchplatz 5, Berlin-Steglitz, Germanujo.
**Brazila Esperantisto,** Praça 15 de Novembro 101, Rio de Janeiro, Brazilo.
**Bulgara Esperantisto,** Car Boris 69, Sofia, Bulgarujo.
**Bulteno de Antverpena Poresp. Prop. Komitato,** August Sniedersstr. 51, Antwerpen, Belgujo.
**Bulteno de Internacia Scienca Asocio Esperantista,** Rollet de l'Isle, 35 Rue de Sommerard, Paris, Francujo. (n)
**Der Arbeiter-Esperantist,** Wasastr. 16, Leipzig-Thonberg, Germanujo.
**Deutscher Esperanto-Pressedienst,** A. Naumann, Grossenhain Sa., Johannes-Allee 12, Germanujo.
***EPA,** Bulteno de Esp. Presa Agentejo, Marszalkowska 130, Warszawa, Polujo.
**Esperanta Ligilo,** Harald Thilander, Majorsgatan 12, Stockholm, Svedujo. (En Brajla punktpreso.) (n)
**Esperanta Mondo,** Scoala Civila „Iosi Vulcan", Arad, Rumanujo.
**Esperanto,** 12 Bd. du Théâtre, Genève, Svislando.
**Esperanto,** Piata Unirei 24, Ploesti, Rumanujo. (n)
**Esperanto en Nipponlando,** Kokusaige-ko Kju-ŝa, 6 Goban-ĉo, Koojimaĉi, Tokio, Japanujo.
**Esperanto-Junularo,** A. Neupert, Wedellstr. 17, Leipzig-Möckern, Germanujo.
**Esperanto-Mondo,** Sallstr. 124, Hannover, Germanujo (Ĝis nun aperis unu numero.)
**Esperanto-Praktiko,** Jerusalemerstr. 46—49, Berlin SW 19.
**Esperanto-Uutiset,** Kluuvik. 7, Helsinki, Finnlando.
**Espero Katolika,** 45 Rue de Vaugirard, Paris, Francujo.
**Espero Teozofia,** Krakovska 17, Praha 2, Ĉeĥoslovakio. (n)
***Fluganta Skribilo,** P. Flageul, 9 Bd. Voltaire, Issy-les-Moulineaux, Seine, Francujo. (n)
**Germana Esperantisto,** Jerusalemstr. 46—49, Berlin SW. 19, Germanujo.
**Heroldo de Esperanto,** Horrem bei Köln, Germanujo.
**Hinda Esperantisto,** Liem Tjong Hie, Kranggan 19-23, Semarang, insulo Java. (n)
**Holanda Esperantisto,** s-ro A. Kloek, Amsterdam, Brinkstr. 7, Nederlando.
***Informilo de Novosibirska Esperanto-grupo,** Tolstoj str. 55 a, Novosibirsk, Siberio, USSR.
**Informoj de Esperanto Asocio de Estonio,** Postkast 6, Tallinn, Estonio.
**Internacia Lingvo,** Poŝtkesto 630, Moskva, USSR. (n)
**Internacia Medicina Revuo,** D-ro Briquet, 31 Rue de la Bassée, Lille, Francujo. (n)
**Internacia Pedagogia Revuo,** M. Goldberg, Frohburgerstr. 68 p., Leipzig S. 3, Germanujo.
**Internacia Radio Revuo,** Etienne Chiron, 40 Rue de la Seine, Paris, Francujo. (n)
***Internacia Stenografisto,** P. Flageul, 9 Bd. Voltaire, Issy-les-Moulineaux, Seine, Francujo. (n)
**International Language,** 142, High Holborn, London WC 1, Britujo.
**Inter ni,** 64 St. Thomas Rd., Finsbury Park, London N 4, Britujo.
**Itala Esperanta Revuo,** A. Paolet, S. Vito al Tagliamento, Italujo.
**Juna Azio,** Esp. Kenkju-Sa, Motozono Kojimachi, Tokio, Japanujo.
**Kataluna Esperantisto,** Carrer Valencia 245, Barcelona, Hispanujo.
**Katolika Mondo,** Köln-Lindenthal, Germanujo. (Kun aldono: La Juna Batalanto.)
**Konkordo,** Jezuitska ul. 1, Zagreb, Jugoslavio.
**L'Araldo Esperantista,** Via Vitt. Veneto, Arezzo, Italujo, (Nova gazeto.)
**La Fervojisto,** Puhalo, Strojarska cesta, Zagreb, Jugoslavio.
**La Forta Voko,** Paul Neergaard, Livjaegergade 19, København, Danujo. (n)
**La Interligilo de l' P. T. T.,** Petro Filliâtre, 54 Rue Custine, Paris.
**La Kolektanto,** Holanda Esperanto Oficejo, Eemnes, Nederlando. (n)
**La Movado,** 17 Rue St. Lazare, Paris 9, Francujo.
**La Nova Tago,** Oelmühlenweg 66, Wandsbek, Germanujo.
**La Ora Epoko,** P. F. 15 988, Baden, Svislando.
**La Policisto,** Postamt 56, Schließfach 15, Wien 6, Aŭstrio. (n)
**La Progreso,** Socharska 333, Praha 7, Ĉeĥoslovakio.
**La Revuo Orienta,** Ŝin' Ogaŭamaĉi III-14, Uŝigome, Tokio, Japanujo.
**La Suda Kruco,** Box 731 F. Elizabeth St. P. O., Melbourne, Aŭstralio.
**La Suno Hispana,** Colon 24, Valencia, Hispanujo.
**La Vojo de Klerigo,** Spartakovski per. 3, Ĥarkov, Ukrainio, USSR.
**Libera Laboristo,** Mannheim R 6, 3, Germanujo.
**Libero,** Vitoŝka 48, Sofia, Bulgarujo. (Kun aldono: Vegetarano.) (n)
**Ligilo por Vidantoj,** Harald Thilander, Majorsgatan 12, Stockholm, Svedujo. (n)
**L'Information Espérantiste,** 4 Rue Charles Divry, Paris 14. (n)
**Marto,** Habakladraŭ, Ĉeĥoslovakio.
***Monata Bulteno de Societo Esperanto Bydgoszcz,** Kosciuszki 5, Bydgoszcz, Polujo.
***Oficiala Bulteno de la Asocio Strasburga de Esperanto,** 12 rue Niederbronn, Strasbourg, Francujo.
***Ondo de Daŭgava,** Pasta keste 844, Riga, Latvio.
**Oomoto,** Kameoka, Kioto-Fu, Japanujo. (n)
**Oomoto Internacia,** 49 Rue Boulard, Paris, Francujo.
**Paris-Esperanto,** R. Dubois, 4 Rue du Loing, Paris 14.
**Pola Esperantisto,** Widok 19, Warszawa, Polujo.
***Sächs. Esperanto-Landesverband** (bulteno), Andréstr. 41, Chemnitz, Germanujo.
***Sciigoj de GEA,** loka societo Dresden, Struvestr. 40, Dresden, Germanujo.
**Sennacieca Revuo,** R. Lerchner, Colmstr. 1, Leipzig St., Germanujo.
**Sennaciulo,** Colmstr. 1, Leipzig-St., Germanujo.
**Skolta Heroldo,** 22 Cours Albert I-er, Paris 8, Francujo.
**Svenska Arbetar-Esperantisten,** Svenska Arbetar-Esperanto-Förbundet, Göteborg, Svedujo. (n)
**Svenska Esperanto-Tidningen La Espero,** Fack 698, Stockholm 1, Svedujo.
**The British Esperantist,** 142, High Holborn, London WC 1, Britujo.
***The Irish Esperantist,** 5 Mount Eden Road, Dublin, Irlando.
**Verda Mondo,** Esp. Propaganda Asocio, Kameoka, Kioto-Fu, Japanujo.
**Verda Stelo,** Heroldo de Esperanto, Horrem bei Köln, Germanujo.

Duona Esperanto-gazeto estas **Munkáskultura,** evfolyam, 2. szam, Budapest 6, Hungarujo.







(pardonago), 16. Nailo (planto), 17. Najdiino (popolraso), 18. Aĝi (pronomo), 19. Siamlo (religio).

La komencaj literoj de supre malsupren legataj, kaj la triaj literoj de malsupre supren legataj, nomas gravan alvokon al la esperantistaro.

### 2. Krucvort-enigmo.

De Leslie E. Thomas.

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| ■ | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | | ■ |
| 7 | ■ | 8 | | | | | ■ | 9 |
| 10 | 11 | ■ | 12 | | | ■ | 13 | |
| 14 | | 15 | ■ | | ■ | 16 | | |
| 17 | | | | ■ | 18 | | | |
| 19 | | | ■ | 20 | ■ | 21 | | |
| 22 | | ■ | 23 | | 24 | ■ | 25 | |
| | ■ | 26 | | | | 27 | ■ | |
| ■ | 28 | | | | | | | ■ |

La **horizontalaj** vortoj signifas: 1. geografia esprimo, 8. moka verkaĵo, 10. konjunkcio, 12. rimiĝas kun hom', 13. konjunkcio, 14. adverbo, 16. vira besto, 17. insulgrupo en Atlantiko, 18. bravulo, 19. parto de l' homaro, 21. korpoparto, 22. esprimo ĉe kartludo, 23. per fortstreĉo almovi, 25. artikolo, 26. muzikinstrumento, 28. esti posedaĵo.

La **vertikalaj** vortoj signifas: 2. mallongigo, 3. sensukcesa, 4. ereto, 5. malagrabla sento, 6. metalo, 7. legomo, 9. loĝanto de kontinento, 11. regiono apud la Rejno, 13. monato, 15. infinitiva finaĵo plus tempa finaĵo, 16. ĉiu homo ĝin bezonas, 20. sovaĝa besto, 23. prepozicio, 24. kaptilo, 26. sufikso, 27. adverbo.

La vortoj sen gramatika finaĵo.

### 3. Serĉu la sentencon!

amo, ba-, -bat-, de, di-, dis-, dis-, for-, in-, -itaj, -itaj, -ja-, la, la, la, mil-, mu-, ob-, per, po-, -poloj, -ras, -roj, -roj, -roj, -saltos, sankta, sed, sta-, -stinaj, -te, -ter, -vid-.

### Solvoj el n-ro 5.

1.

1. Formiko, 2. insulo, 3. lakto, 4. islamo, 5. Niagaro, 6. dividendo, 7. epidemio, 8. sinagogo, 9. krokodilo, 10. lardo, 11. Ameriko, 12. vespero, 13. oktobro, 14. mianco, 15. urso. — Filin' de sklavo nur sklavino restas.

2.

**Horizontale:** 1. akademi, 7. em, 8. li, 10. ad, 12. Elb, 13. da, 14. rodl, 16. atom, 18. dand, 21. genu, 23. in (id), 24. R. U. R., 25. er, 26. la, 27. id, 29. katalun.

**Vertikale:** 2. ke, 3. amel, 4. Elba, 5. mi, 6. paradiz, 9. Hamburg, 11. do, 13. do, 15. dan, 17. tie, 19, an (ad), 20. drat, 22. ne, 26. la, 28. du.

Validajn solvojn el n-ro 5 alsendis (po 2): Arabeno, Bayhofer, Berger, Charon, Cipera, Alfr. Diettrich, Dittrich, Donath, Dratwer, Dutschmann, Ellerbeck, Engst (bv. komplete skribi la solvon de l' silab-enigmoj), Karl Fischer, Gensch, Grodl, Hammermeister, Indra, Jeremies, Kösters, Mangada, Matriciani, Menne, Nischwitz, Paschedag, Petzold, Plehn, K. Rambousek, Reinhart, Salin, Schöttl, Simmons, Stein, Ŝirjaev, Weiske, Werner, Wilke.

Solvis po 1: Hasbach, Hoen, Krijt, R. Meyer, Minke, Savicki, Visner.

**Peto** al s-roj Mangada kaj D-ro Reinhart: Bonvolu **ne** skribi sur saman folion aŭ karton la solvojn el **diversaj** numeroj, ĉar povos okazi, ke ni erare malatentos unu el la solvoj.

**Rimarkigo.** En la silab-enigmo en n-ro 5 troviĝis preseraro: sub 9. legu rampobesto anst. rampovesto! — En la krucvort-enigmo mankis vertikale 21. **gril** (insekto), sed la plimulto de la solvintoj trovis ĝin facile. Kelkaj skribis same bone **gral** (sankta ujo el „Parzifal"). La dramo **RUR** estas konata el favoraj recenzoj kaj troviĝas en ĉiu Listo de Libroj, de tempo al tempo aldonita al Verda Stelo. Kelkaj ne trovis la vorton **rodl** (glitveturi sur neĝo per speciale „rodlilo"), kvankam ĝi estas jam ofte uzita. Kiu anstataŭ ĝi skribis **roll, rull, rudl** kaj konsekvence sub 11. skribis do **aŭ ĉu** kaj sub 15. **dan aŭ fin,** ties solvon ni akceptis tamen kiel validan.

## Anoncetoj.

